2.ª Ep. AÑO XI N.º 60 (196) MARZO - ABRIL 1973




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID KONGRESURBO POR 1973

Placo Cibeles

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto (Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.º-D
MADRID-17

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | Pesetas |
|---|---|
| *Saldo anterior* ... ... | 153.000,— |
| Salvador Oliván Hernando . | 1.000,— |
| Jacinto Jiménez ... ... ... ... | 2.000,— |
| Petro Nuez Pérez ... ... ... | 2.000,— |
| H.E.J.S. ... ... ... ... ... ... | 500,— |
| Jaime Perarnau Ribera ... ... | 1.000,— |
| José Luis Bringas Tellechea. | 500,— |
| Grupo LUN-RADIO ... ... ... | 500,— |
| | 160.500,— |

Madrid, 13 de marzo de 1973.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de H.E.F.

*Nuevos DUMVIVAJ MEMBROJ*

10. Petro Nuez Pérez
11. Fermín de Urmeneta de Cervera

Kiu povas helpi nin? Nia intenco estas bindi la kompletan kolekton de BOLETIN sed mankas al ni la jenaj numeroj: 1-2-6-8-9-12-15-22-58-77-78 kaj 85. Ni vin malavare rekompencos. Nia adreso: Centro de Esperanto Sabadell, Apartado 407. SABADELL.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1973

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... | 560,— |
| Santiago Arizmendi (Eibar) ... ... ... | 50,— |
| Erkki Järkäs (Finnlando) ... ... ... ... | 60,— |
| | 670,— |

**ATENCION**

La fecha del XXXIII Congreso Español de Esperanto es del **20 al 24 de Julio de 1973**, y no la que figura en los aliĝiloj, que está equivocada.

# FUNDACION "ESPERANTO"

La Patronaro de la "Fundación ESPERANTO" decidis en kunsido okazinta la 25-an de januaro 1973-a organizi Literaturan Konkurson.

Estos du premioj:

1.ª — Premio "Fundación ESPERANTO", 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

2.ª — Premio "Sancho-Rebullida", 2.000 pesetoj, kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos tiujn du premiojn al la du plej bonaj originalaj rakontoj verkitaj en Esperanto.

REGULARO

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio aŭ eksterlandaj abonantoj al BOLETIN.
2) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 2.000 - 3.000 vortojn.
3) Oni sendu po kvar ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
4) La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta koverto, sur kiu devas esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.
5) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
6) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estas la 30-a de septembro 1973-a.

Kun la indiko: «Por la Konkurso de "Fundación ESPERANTO"», oni sendu la tekstojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1973-a.

Zaragoza la 15-an de marto de 1973.

*Inés Gastón*
Sekretariino de la
"Fundación ESPERANTO" kaj de la Konkurso

---

# "PREMIO FRANCISCO MAÑEZ"

Ĉi-jare oni ĝin aljuĝos, en la valoro de 2.000 pesetoj kun konfirma diplomo, al la plej bona artikolo en Esperanto pri la temo:

"Metodoj por la plej efika disvastigo de Esperanto"

REGULARO

1) La Konkurso estas internacia.
2) Oni sendu po kvar ekzemplerojn de la artikoloj tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
3) La konkursaĵoj devos esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta koverto, sur kiu devos esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estas la 30-an de Septembro 1973-a.

Kun la indiko: Por la Konkurso "Francisco Máñez", oni sendu la tekstojn al S-ro Emilio Gastón, P.º Marina Moreno, 14, 3.º dcha. Zaragoza.

La Verdikto publikiĝos la 15-an de decembro 1973-a.

Zaragoza la 27-an de februaro 1973.

*Emilio Gastón*
Sekretario de la Konkurso

# *Muzeo de l' Prado,*

## *nepre vizitenda*

La Muzeo de l' Prado ĉiam estas novaĵo, unu el tiuj novaĵoj daŭraj, konstantaj, kiuj eĥas kaj reeĥas sur la menso de la homo, apud lia koro, kiel alvoko aŭ oferanta espero.

Nomi Muzeon de l' Prado estas nomi aktualaĵon kiu radikas en la fundo, flugas tra la grandaj vojoj de la fantazio kaj revenas por denove suriĝi kvazaŭ lago de paco super la konscio. Estas tre malfacile priskribi la Muzeon de l' Prado, en ĝi estas Hispanujo kaj Eŭropo; vokiĝo kaj fato; la pasinto, kiu rejuniĝas per ĉiu el la rondiroj de la homoj kaj de la tempo. Ĝi estas humana kaj dieca tuto, kaj super tiu vasta parenceco elstaras ununura fakto, fakto kiu reeĥas de ĉiuj anguloj kiel timbalo kaj voĉo: la unueco.

Ne estas eble viziti Madridon kaj ne viziti la Muzeon de l' Prado; en ĝi ni trovas ĝuon por niaj sentoj kaj pacon por nia spirito. En ĉiu angulo estas verkoj kiuj parolas al ni pri tio, kio estis, kaj pri tio kion oni pensis. Ilia lumo traboras la ombrojn por halti kiel lumturo...



*Tiziano.* Sinjorino Isabel de Portugal

Pro ĉio ĉi, pro tiom da faktoj, la Muzeo de l' Prado estas aktualaĵo daŭra, konstanta... Por ĝin kompreni, oni bezonas nur malfermi la okulojn kaj rigardadi.

*Red.*



*Goya.* Danco ĉe «San Antonio de la Florida»

## ÄRHUS, KONGRESURBO POR LA 25-a I.F.E.F.-KONGRESO

*(Ekstrakte de artikolo de Ch. Jensen)*

Ärhus estas la dua urbo en Danlando laŭ grandeco —235.000 loĝantoj—, ĉu ĝi ankaŭ estas la dua laŭ beleco, mi ne kuraĝas skribi. Sed fakto estas ke ĝi havas eksterordinare belan mar-situon, kun fagaroj sude kaj norde de la urbo.

Ĝia mara situo ja indikas ke ĝi estas havenurbo. Ärhus estas la dua plej granda haveno en Danlando, proksimume 10.000 ŝipoj vizitas la urbon en la daŭro de unu jaro. Ĝi ankaŭ estas sufiĉe granda industria kaj komerca urbo, kie oni produktas kaj vendas multajn diversajn varojn kaj maŝinojn, kaj la industrio kaj komerco daŭre evoluas.

Troviĝas multaj diversaj vidindaĵoj en kaj ĉirkaŭ Ärhus, ankaŭ laŭ internacia mezuro. Oni povas diri, ke troviĝas io por ĉia gusto. Ĝi havas malnovajn tre bone flegatajn domojn kaj ankaŭ tre modernajn novstilajn. Kiuj el ili estas la plej belaj, ja dependas de la gusto, sed ambaŭ domkategorioj almenaŭ estas vidindaj.

Laŭ kultura vidpunkto Ärhus estas ankaŭ bona urbo, kaj riĉa kultura agado okazas tie. Ärhus havas ekzemple sian propran teatron, propran urborkestron, multajn diversajn muzeojn kaj ekspoziciojn. En la urbo troviĝas multaj superaj lernejoj. Specialan priskribadon meritas la plej grava lernejo, nome, la universitato, kiu estas la plej moderna en Eŭropo, kaj verŝajne la plej bele situanta. Ĝi estas tre bela kaj novstila, en bela parko.

La plej granda vidindaĵo de Ärhus, estas "La malnova urbo", tiu mondkonata urbo situas en la botanika ĝardeno, kaj ĝi donas per siaj 55 konstruaĵoj tre bonan bildon de dana urbo kaj metiista kulturo, de proksimume la 15-a ĝis la 18-a jarcento. La domoj devenas de diversaj urboj de la lando, oni rekonstruis ilin tie. Tre ĝuste oni laboris, fakte oni numeris ĉiun ŝtonon kaj ĉiun trunkon, por ke la domoj konservu sian stilon tre precize.

Kontraste al tiuj ĉi malnovaj domoj estas la urbodomo en Ärhus; ankaŭ ĝi estas tre vidinda, sed no pro malnova stilo, tute male, ĉar ĝi havas tre modernan. La arkitektoj Arne Jakobsen kaj Erik Moller elkonstruis la urbodomon en la jaro 1941-a, kaj en la sama jaro festis Ärhus sian 500-jaran jubileon kiel urbo kun veraj urbaj rajtoj. En la urbodoma antaŭhalo oni povas vidi la originan urbdokumenton subskribitan en la jaro 1441.[a].

Ärhus havas tre malnovajn kaj tre novajn preĝejojn. Al la malnovaj apartenas la katedralo, kiu estas de la 12-a jarcento. Ĝi estas sufiĉe granda preĝejo, la plej longa en la nordo. Ĝi havas interne kelkajn pentraĵojn de antaŭ la reformacio, belajn lignajn skulptaĵojn kaj multajn aliajn vidindaĵojn.

La preĝejo de nia sinjorino estas ankaŭ tre malnova, ĝi estis iam katedralo en Ärhus. Apude situas monaĥejo, kiu iam estis dominika, sed nuntempe ĝi estas hejmo de maljunuloj. Ĉi tiuj du preĝejoj troviĝas en la centro de Ärhus, sed en la novaj kvartaloj situas tre modernaj preĝejoj.

Inter la avantaĝoj, kiujn Ärhus havas, la parkoj estas unu el la plej gravaj. Ekzistas sufiĉe multaj: la memorparko, la universitata parko, la botanika ĝardeno kaj la arbarbotanika ĝardeno, por mencii kelkajn. La laste menciita vere estas perlo, tie oni povas vidi multajn arbojn kaj arbustojn, kiuj ne troviĝas aliloke en la lando.

Pluraj aliaj lokoj en la proksimeco de Ärhus estas vizitindaj. En la urbo troviĝas sufiĉe multaj hoteloj, luksaj kaj malpli luksaj. Turistoficejo estas en la centro de la urbo, nome en la urbodomo. Belan tendumejon en la arbaro apud la maro, havas Ärhus.

Finiĝas la artikolo kaj mi esperas ke ĝi donis al vi malgrandan impreson pri Ärhus. Multon ĝi ne priskribis, kaj verŝajne multon ĝi forgesis priskribi. Sed plej bone estos, se vi mem iros vidi la urbon kaj ĝiajn ĉirkaŭaĵojn. Se la artikolo donis al vi iom da apetito tiudirekten, ĝi ne estas vane skribita.

Finfine mi deziras al vi ĉiuj: Bonan vojaĝon al Ärhus!

*José Cerezo*

 

Denove la junularo de Kimrujo sendis por la junularo de la mondo sian jaran mesaĝon de bona volo okaze de la 18.ª de majo 1973, Tago de Bona Volo. Kiel ĉiujare, mi ĝin reproduktas por la hispana esperantistaro.

MESAĜO DE BONA VOLO

La kvindek-dua Ĉiujara Bonvolmesaĝo de la Junularo de Kimrujo al la Junularo de la Mondo, radie disaŭdigota je Bonvoltago, la 18-an de Majo, 1973.

---

Jen Kimrujo! Salutojn de la junularo de Kimrujo al la junularo de la mondo, je Bonvoltago.

Nuntempe, en ĉiu angulo de la mondo resonas eĥoj de milito kaj perforto. Ni, kiuj ne rekte spertas tiujn malagrablaĵojn, nur malfacile komprenas la suferadon kiun ili kaŭzas.

Kutime, okazas suferado kiam la potenculoj subpremas la malpotenculojn. Foje, la perforto sekvas la reagon de la malpotenculoj kontraŭ la danĝeroj kaj influoj, kiuj minacas ilian ekzistadon. Ili strebas al la konservado de sia kulturo, siaj idealoj, kaj sia heredaĵo; ili batalas por savi sian identecon.

Estas la devo kaj la privilegio de ĉiu nacio respekti la rajtojn de aliaj nacioj, ĉu grandaj aŭ malgrandaj. Ni devas peni por kompreni ilian vidpunkton, kaj defendi ilian rajton sekurigi ilian identecon. Ni devas ĉesigi subpremadon fare de la potenculoj, kaj aliflanke, forigi la timon kaj la malsekurecon de la malpotenculoj.

Ni, la hodiaŭaj gejunuloj kaj morgaŭaj gvidantoj, ni ekkonstruu firman fundamenton por la estonteco. Nur per reciproka indulgenco, peno kaj interkomprenado, ni povos konstrui mondon de justeco kaj paco.

---

## KONSIDEROJ PRI LA BONA VOLO

Estas kuraĝige aŭdi aŭ legi, ke ekzistas gejunuloj, kiuj jaron post jaro dissendas sian mesaĝon de bona volo tra la mondo.

Kiam mi estis juna, mi lernis, ke oni devas konsideri sincere honestaj ĉiujn homojn, dum ili ne demonstras la malon.

La vivo lernigis min, ke, kvankam la plimulto estas tia, foje ni malĝojas, konstatante, ke nia bona volo estis trompita. Ankaŭ inter la Esperanto-parolantoj ekzistas tiaj trompantoj "oficiale honestaj", kio tre malutilas al nia movado. Mi kuraĝus peti ilin, super ĉio al tiuj, kiuj misuzas la ideon de esperantismo, ke ili uzu Esperanton por solvi nur vere lingvajn problemojn, sed por apogi atakantojn de propraj registaroj, ili uzu sian nacian lingvon; tiamaniere ĉiuj komprenos ilin, kaj per siaj diroj, ili povos lernigi solvi difektojn.

---

La junularo de Kimrujo per sia Bonvolmesaĝo feliĉigis maljunan esperantistinon, kiu ankoraŭ fidas pri la "bona volo" de la homoj kaj esperas je la estonto.

Dankon, Junularo de Kimrujo, via Bonvolmesaĝo estos radie disaŭdigita je Bonvoltago, la 18-an de Majo 1973, en Zaragoza.

*I. Gastón*

# Vª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Iom pri la urbo, kiu gastigos nin

Ne eblas paroli pri Bilbao kaj ne iom diri pri ĝia enfluejo, kiu plej parte estas formata de la rivero Nervión; verdire, la enfluejo de Bilbao, pli ol rivero estas strato. Strato de la Villa (urbo) plilongigita ĝis Portugalete, kie ĝi enfluas en la maro.

Sur ambaŭ bordoj de la rivero situas malnovaj Komunumoj, kelkaj el ili, nuntempe, aligitaj al la ĉefurbo. Ili estas industriaj urboj, kies vigleco estas eksterordinara; sed... estas pli bone ke vi ĝin admiru. Ni trairos ĝin okaze de nia ekskurso al Bermeo kaj Guernica, elmontro de du malsamaj aspektoj de Vizcaya.

Bermeo, kies alta kaj rokeca marbordo foje malfermiĝas formante malgrandajn rodojn kaj golfetojn, estas granda vilaĝo, kiu situas apud monteto, rigardante al la maro. La haveno de fiŝkaptistoj de Bermeo estas unu el la plej viglaj de la Kantabrika maro; jam en la XIV.ª jarcento la Arcipreste de Hita skribis en sia "Libro del Buen Amor" (Libro de la Bona Amo): "Arenques et besugos vinieron de Bermeo" (Haringoj kaj pageloj alvenis de Bermeo).

La regiono, kiun prezidas Guernica estas ja agrikultura kaj grega. Ĝi estas historia tero de malnovaj kampodomoj; tie, ĉiu valo, ĉiu vilaĝo reeĥas la nomatajn *karlistajn* militojn de la XIX.ª jarcento.

Guernica estas kvazaŭ lulilo de tradicioj, gardistino de la fama "Guernikako arbola", la kverko benita kaj adorata simbolo de la libereco de Vizcaya,

"je kies ombro, inter ferocaj nobelidoj reĝoj ĵuris popolarajn leĝojn".

En Guernica ni povos viziti la faman "Casa de Juntas" (Domo por Kunvenoj), en kies arkivo situas en honora loko ŝranko el mahagono sur kiu oni povas legi jenan frazon skribitan per arĝentaj literoj: "BIZKAIKO LEGE ZARRA" en eŭskera lingvo, kio en Esperanto signifas: "la Malnova Leĝo de Vizcaya". En ĝi konserviĝas la originalan manuskripton de la Fueros [1], de la jaro 1526ª kaj unu ekzempleron de ĝia unua eldono leĝe subskribita, kio pruvas sian aŭtentikecon.



Rokeca interno de la kavernoj: "Altaro de la Virgulino".

Sur voje al Bermeo kaj Guernica ni vizitos la kastelon de Butrón kaj la kavernojn de Santimamiñe; anstataŭ paroli pri ili mi prezentas foton de la interno de la kavernoj.

I. G.

---

[1] Fueros = Kompilo de malnovaj leĝoj, kutimoj, moroj, liberigo de pagoj kaj privilegioj respektataj de la Sinjoroj kaj Reĝoj, kiuj devis ĵuri ĝian konservadon kaj subtenon por esti konsiderataj kiel Sinjoroj de Vizcaya.

PROGRAMO POR LA TRI-TAGA ARANĜO

29.6.1973. Je la 7.ª vespere, Akcepto de la partoprenanto en la sidejo de Grupo Esperantista de Bilbao, kiu invitos nin per teatra prezentado kaj lunĉo.

30.6.1973. Je horo fiksota, Simbola sangdonado en la Civila Sankta Hospitalo de Bilbao. Oficiala Akcepto en la Urbodomo.

2.ª posttagmeze, Komuna tagmanĝo.

4,30.ª Vizito al la Historia Muzeo de Vizcaya.

Vizito al la Internacia Specimen-Foiro.

Komuna vespermanĝo.

1.7.1973. Tuttaga ekskurso vizitante: Kastelo de Butrón, Bermeo, Santimamiñe kaj Guernica. Tagmanĝo en Guernica.

---

Prezo: Ĉiu Komuna manĝo en Bilbao ... ... ... ... ... ... 120,— ptoj.
Tagmanĝo en Guernica ... ... ... ... ... ... ... ... ... 300,— ptoj.
Aŭtobuso por la Ekskurso ... ... ... ... ... ... ... ... 130,— ptoj.
Kiu ekskursos per propra aŭtomobilo ne pagos la aŭtobuson por la ekskurso.

Bonvolu averti nin, ĉu vi bezonas lokon en la aŭtobuso aŭ ne.

Loĝado en hoteloj. Prezo de loĝado la kutima laŭ kategorio.

La Hispana Turisma Esperanto-Sekcio rezervis loĝejon por kiuj deziros loĝi kune en 1.ª-kasa Hotelo, dulita ĉambro kies prezo po persono estas 300 ptoj. por tranoktado kaj matenmanĝo ĉiutage.

Kiu deziros rezervi lokon en tiu hotelo, bonvolu skribi kiel eble plej baldaŭ al Hispana Turisma Esperanto-Sekcio, ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha. ZARAGOZA (Hispanujo). Pro la inaŭguro de la Internacia Specimen-Foiro en Bilbao, la 29-an de junio, lokoj en la hotelo estas limigitaj.

---

Adreso de la Grupo Esperantista de Bilbao: str. Barrencalle Barrena, 7, BILBAO.

---

RESULTADOS OBTENIDOS EN EL ESCRUTINIO DE VOTOS REALIZADOS PARA CUBRIR DOS PUESTOS VACANTES EN LA JUNTA DIRECTIVA DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Total de votos emitidos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 149

Resultados de la Zona de CATALUÑA Y BALEARES:
— Rvdo. P. Manuel Casanoves Casals, C. M. F., de Barcelona ... ... ... ... 54
— Sr. D. Pedro Nuez Pérez de Barcelona ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 66
— Sr. D. Miguel Vilagrans Llorens de Barcelona ... ... ... ... ... ... ... ... 25
— Nulos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 4

Resultados de CASTILLA LA VIEJA:
— Sr. D. Benito Calvo López de Palencia ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 56
— Sr. D. Angel Díez García de Valladolid ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 82
— Nulos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 11

CANDIDATOS PROCLAMADOS NUEVOS DIRECTIVOS DE LA FEDERACION

Por la Zona de Cataluña y Baleares: Sr. D. Pedro Nuez Pérez ... ... ... 66
Por la Zona de Castilla la Vieja: Sr. D. Angel Díez García ... ... ... ... 82

Madrid, 27 de enero de 1973.
El Secretario de la Junta Directiva,
*Manuel Figuerola Palomo*

*JUAN RUIZ, ĉefpastro de Hita, naskiĝis en Alcalá de Henares (provinco de Madrid) en 1283, kaj inter 1337 kaj 1350 sidis kelkajn jarojn en karcero, laŭ ordono de la fama ĉefepiskopo de Toledo Don Gil de Albornoz.*

*Juan Ruiz uzis kun mirinda inspiro kaj bonhumora sarkasmo la primitivan, balbutantan lingvon kastilian, freŝe naskitan el la latina. Liaj poemoj spegulas kun nesuperebla ĉarmo kaj ironio la vivon mezepokan. Tre populara estas lia,*

## PRI LA KVALITOJ DE LA MALGRANDAJ DAMOJ

Al vi mi volas fari ne longa la predikon,
ĉar ĉiam mi preferis malgrandan retorikon,
malgrandan virineton, malgrandan la eksplikon,
—lakone trafaj diroj bonigas la logikon.

Troparolanto stultas kaj troridanto folas,
kaj la et-korpan damon Amoro aŭreolas;
virinon alta-kreskan por eta mi ne volas,
la ŝanĝo ankaŭ ilin laŭŝajne ne konsolas.

Ke mi la etan laŭdu, jen peto de Amoro,
kaj certe ŝiajn bonojn mi laŭdos kun fervoro.
Pri ŝi mi diros ion en ŝajna mok-humoro:
ŝi estas frida neĝo kaj arda brul-fosforo.

Ŝi fridas nur ekstere, sed en la amo ardas,
surstrate ŝi gracias, petole alrigardas,
enhejme ŝi prudentas kaj sanan saĝon gardas,
se vir' al ŝi proksimas, li do pli bone fartas.

El tre malgranda gemo blindiga brilo venas,
pinĉeto da sukero tre fortan dolĉon tenas,
la eta-korpa damo je granda amo plenas,
per nuraj du vortetoj la saĝa vir' komprenas.

Malgrandas la grajnetoj de bona la papriko,
sed ili, pli ol nuksoj, varmigas per la piko;
la eta damo same, por sia kor-amiko,
plezuro-mondon gardas en sia am-kaliko.

En la malgranda rozo abundas la koloro,
la etan pecon oran grandigas la valoro,
esenco-guto pura inundas per odoro,
kaj same eta damo tre riĉas je saporo.

En rubeneto ĉarmas allogo de juvelo:
koloro, raro, noblo kaj la valora helo;
samtiel etan damon distingas granda belo,
gracio kaj tenero kaj amo kaj fidelo.

La najtingal' malgrandas, kaj la kalandro etas,
sed, pli ol grandaj birdoj, ĉarmegan kanton ĵetas;
malgrandan virineton ja granda mi portretas,
ĉar, ĉe la dolĉo ŝia, sukero, floro cedas.

La flava kanario malgranda birdo estas,
sed pri trilado dolĉa super birdegoj estras;
per belo, trilo dolĉo sin eta damo vestas:
aspekton tian prenas, se ŝi en amo nestas.

Kun la virin' malgranda, komparo ne ekzistas;
ŝi estas paradizo, ĉe ŝi oni ne tristas;
el ĝojo kaj plezuro kaj beno ŝi konsistas,
tre logas en intimo kaj sur la strato distras.

Ne altan, eĉ ne mezan, nur etan mi toleras.
Prudente agas viro, se riskon li preteras.
De la malbon' nur eton la saĝa vir' preferas:
ju pli do etas damo, des malpli ŝi danĝeras.

El la hispana
*F. de Diego*

---

# UNU PLIAN FOJON

En la Granda Enciklopedia Vortaro Rialp (G E R), 9-a Volumo, —ĵus publikita—, paĝoj 165-a - 166-a, aperas sub rubriko Esperanto, detala prezento de la internacia lingvo, laŭ jenaj punktoj: Origino kaj disvolviĝo de la lingvo. — Alfabeto, prononcado kaj gramatiko. — Lingvaj kaj kulturaj karakteroj. — Disvastigo (personoj kiuj parolas Esperanton kaj ĝin utilas por siaj interrilatoj; reto de Delegitoj en la diversaj landoj; landaj asocioj plej parte aliĝintaj al Universala Esperanto-Asocio kaj Internaciaj Fakaj Asocioj Esperantistaj, nome: Juristoj, Arkitektoj, Sciencistoj, Studentoj, ktp.).

En la punkto pri Bibliografio estas referenco al la broŝuro de Dro. Lapenna "Bazaj faktoj pri la internacia lingvo Esperanto".

La artikolo estas grava kontribuo por la diskonigo de Esperanto inter la ĝenerala publiko, kaj bone efikos por veki intereson en studemuloj. Kompilis la informojn kaj redaktis la artikolon Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo pro peto de la redakcio de Rialp.

Ni gratulas al nia samideano Dro. Sancho Izquierdo pro la bona laboro kaj dankas al redakcio de la Granda Enciklopedia Vortaro Rialp (G E R), ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.

---

La Granda Enciklopedia Vortaro Astura, kiu publikiĝas per apartaj kajeroj. aperigis en la ĵus eldonita kajero numero 83.ª, sub rubriko Esperanto interesan artikolon pri la Esperanto-movado en Asturias. La artikolo estas ĝenerala trarigardo de la diversaj faktoj okazintaj en tiu regiono ĝis la nuntempo.

Estas ĝojige konstati la intereson, respekton kaj simpation ke Esperanto kaj ĉi okaze, nia movado, vekas en diversaj rondoj kaj ankoraŭ estas pli ĝojige kiam tiuj rondoj estas kulturaj kia estas la redakcio de La Granda Enciklopedia Vortaro Astura kiun ni kore dankas kaj gratulas pro la eldonado de tiu interesa Enciklopedia Vortaro.

---

Por prezento de la unuaj ekzempleroj de *Kun Sopira Koro* (versio en Esperanto de la poemaro *Rimas*, de Bécquer), la 28-an de februaro havis lokon en la sidejo de H.E.F. en Madrido publika kunveno kie, post enkondukaj paroloj de nia prezidanto, Angel Figuerola, la tradukinto Fernando de Diego faris en la hispana prelegon pri la temo *Bécquer en Esperanto.*

Pro la bona aranĝo de la kunveno, la alta nombro de la ĉeestantoj —inter ili la eminenta poeto kaj akademiano Gerardo Diego— kaj la informa kaj sugestiva prelego de la tradukinto, la solenaĵo brile sukcesis. De Diego dediĉe subskribis dekkelkajn ekzemplerojn de *Kun Sopira Koro* akiritajn de la publiko tuj post lia parolado, kies tekston, je la peto de multaj samideanoj, ni reproduktas ĉi-sube:



## BECQUER EN ESPERANTO

Señoras y señores:

Deseo anticiparles que seré breve en la exposición de mi tema. Por varias razones: porque, precioso como es el tiempo de ustedes, me parece poco elegante robarles más minutos de los indispensables; porque mis condiciones oratorias son nulas y porque, en estos casos, siempre tengo presente las palabras que pronunció Federico García Lorca en una de sus maravillosas charlas: «Yo sé muy bien que eso que se llama conferencia sirve en las salas y teatros para llevar a los ojos de las personas esas puntas de alfiler donde se clavan las irresistibles anemones de Morfeo y esos bostezos para los cuales se necesitaría tener boca de caimán.»

Espero que, antes de que llegue a tragarles el caimán del hastío, habré tenido tiempo de sintetizar, un poco a la buena de Dios, unas cuantas ideas y unas cuantas aclaraciones en torno al esperanto, al esperantismo, a los esperantistas y a lo que Bécquer tiene ya de común con todo esto.

Muchas personas, cuando alguna vez oyen hablar del esperanto, se lo imaginan como un entretenimiento propio de individuos deliciosamente chiflados que, como Quijotes de bolsillo, aspiran a suprimir de un mandoble las lenguas nacionales para entronizar en su lugar a la Dulcinea de un idioma único y, con él, a la entelequia de la paz y de la fraternidad universales.

En esta grotesca deformación de la realidad hay, sin embargo, un grano de verdad. El esperanto, o mejor dicho, el esperantismo, presenta dos vertientes: una lengua creada con un fin específico; y un vago doctrinarismo basado en el amor a la humanidad, en el pacifismo, en el internacionalismo, es decir, en una ética teñida con ciertos matices de carácter religioso.

Cuando una persona llega al esperanto, toma de estas dos vertientes (en proporciones variables según sus inclinaciones y sus instintos), una parte que pertenece a la esfera de la lengua, y otra parte que pertenece al terreno doctrinario. Por supuesto, existen los casos límite: hay quienes se ocupan exclusivamente de la lengua y consideran como excrecencia inútil todo ese misticismo que se conoce en esperanto bajo el nombre de "la interna ideo"; y hay quienes, aprendiendo apenas a saludar en esperanto, se dedican con entusiasmo de convertidos a pregonar que esta lengua, que nunca se molestan en conocer ni medianamente, es la

gran panacea contra la insolidaridad y el espíritu belicoso del hombre.

Por desgracia, este último tipo de esperantista, aunque relativamente insignificante, ha sido, con sus himnos, sus banderas, sus emblemas y su retórica gaseosa, el más visible y el más ruidoso. No es extraño, pues, que escritores de nota, después de observar en superficie la psicología y la conducta de esta clase especial de esperantistas, tomen el rábano por las hojas y construyan, con mordaz ironía, una imagen distorsionada del verdadero mundo esperantista.

En su novela *El barco de la muerte*, Juan de Zunzunegui traza con perfiles quevedescos un cuadro lamentable de los esperantistas y del esperanto. Y ante ese cuadro, uno de los personajes del libro, que es sin duda la contrafigura intelectual del propio autor, "permanece pensando en las infinitas variantes de la demencia humana".

Así, de golpe, el señor Zunzunegui encasilla al esperantismo entre las afecciones demenciales del hombre. Es una conclusión evidentemente injusta por lo que tiene de caricaturesca y de generalizadora.

Como portavoz de "la mayoría silenciosa" del esperantismo español, yo vengo ante ustedes, señores, para tratar de dibujar una imagen más completa y más real de este extraordinario fenómeno social que se llama esperanto; y trataré de hacerlo con la máxima objetividad.

Todos ustedes saben que el esperanto es la lengua internacional lanzada en 1887 por Luis Lázaro Zamenhof, médico polaco de raza judía. Su léxico se ha extraído de las grandes lenguas cultas del occidente europeo y su estructura es aglutinante, como la de muchas hablas orientales; y esto, unido al juego de una bien matizada gama de afijos y a la mecánica de convertir la categoría gramatical de las palabras uniendo a sus raíces una u otra vocal, hace del esperanto un idioma de excepcional dinámica generadora y de gran capacidad asimilativa.

Contra lo que muchos piensan y escriben, en el esperanto no hay nada artificial porque, como ya he dicho, combina elementos y estructuras de diversas lenguas nacionales. Pero, al hacer con todo ello una síntesis racional y planificada, se desembaraza del enorme peso muerto que lastra la fonética, la morfología y la sintaxis de las hablas naturales. El genio de Zamenhof supo integrar estos materiales dispares y trabarlos en un todo coherente, como las notas de una melodía, para darnos una lengua viva que es toda músculos y nervio, dotada de espíritu propio y llena todavía de posibilidades latentes.

Pero el esperanto tiene enemigos curiosos, como por ejemplo, los aprioristas que, ciñéndose a ciertas teorías y desdeñando la terca realidad de los hechos, insisten en que una lengua "artificial" es inviable porque, según ellos, a tal lengua le faltaría "el alma" de que están insuflados los idiomas nacionales y, por lo tanto, carecería de calor íntimo y humano y de facultades expresivas para describir el mundo de las emociones. Lo más asombroso del caso es que este tipo especial de razonadores abunda entre los lingüistas profesionales; meten la cabeza entre la hojaresca de sus secas teorías y se niegan despreciativamente a ver lo que ocurre a su alrededor. Y ocurre mucho.

Desde hace 86 años, que es la edad del esperanto (un mero soplo en la vida de las lenguas) se están editando constantemente en esperanto obras originales y traducidas hasta contarse en la actualidad cerca de 30.000 títulos. En esta copiosa producción hay obras cimeras y puedo asegurar, sin apartarme un ápice de la más rigurosa objetividad que, por ejemplo, las traducciones al esperanto del Kalevala finlandés, de la obra poética de Petofi, el poeta nacional de Hungría, y del Romancero gitano de García Lorca son superiores a todas las que hayan aparecido en versiones nacionales. En honor a la verdad, hay que confesar que también hay mucho malo, incluso pésimo, pero esto no es culpa del esperanto: si se pone un stradivarius en manos de un rascatripas, los chirridos que produzca no pueden ser imputables al violín, sino a la torpeza de quien lo usa.

Todos los años se celebran congresos internacionales donde miles de personas de los más diversos países conviven, sesionan, se divierten, se aman, y hasta se pelean si llega el caso, sólo en esperanto. En esperanto se publican cientos de revistas, boletines y gacetas; se lanzan al aire programas de radio, se dice la misa y se celebran matrimonios cuyos contrayentes tienen el esperanto como única lengua común; y existen

en el mundo centenares de niños, los llamados "denaskaj esperantistoj", que lo hablan como primer idioma, porque es el único en que se entienden sus padres.

De todo esto, y de mucho más por el estilo, no quieren enterarse los señores que, poseídos del síndrome del avestruz, prefieren las teorías a los hechos, aunque ya en el campo de la lingüística comparada y de la interlingüística existen otras teorías que tratan de basarse en las realidades, en lugar de ignorarlas.

El esperanto pues, es una realidad que vive y palpita en la existencia diaria de miles y miles de personas, las cuales se enriquecen así con una visión más amplia y directa del mundo, sin pasar por las aduanas de las interpretaciones y las traducciones oficiales, y con un acervo cultural que se nutre de muchas fuentes, no sólo de las que manan de las grandes lenguas, sino de los veneros de aquellos países que por el poco peso específico de su importancia material poseen idiomas poco conocidos pero llenos de bellezas literarias v estéticas de muchos quilates.

Dentro de esta función difusora de las literaturas nacionales, el esperanto va a llevar de nuevo una voz muy española a todos los rincones de la tierra. La voz del tierno y triste Bécquer, que por la cuerda floja de su supremo buen gusto y de su intuición de poeta nato, supo atravesar genial y limpiamente el abismo de la cursilería y del suspiro barato para expresar como nadie todo ese complejo emotivo que se mueve en torno al amor entre los sexos.

Gracias a este libro que acaba de editar la Federación Española de Esperanto, la poesía de Bécquer, con su difícil sencillez, con su carga emotiva, con su musicalidad, con su ritmo y con su rima va a llegar a lugares que jamás el propio poeta hubiera sospechado. Sus *Rimas* en esperanto van camino de Nueva Zelanda y de Australia, de Madagascar e Islandia, de Africa del Sur y del Japón, de Rusia y de los Estados Unidos, de Israel y de Egipto, de Vietnam del Norte y de Vietnam del Sur, y no menciono otros países más cercanos porque Bécquer en esperanto está siendo ya leído y saboreado en todos los países de Europa por encima de telones y de bloques.

Bécquer "suena" en esperanto con el mismo énfasis y la misma fluidez que en el original, y los esquemas métricos de la traducción reproducen, no un eco, sino la propia melodía de los versos que escribió el poeta. Escuchen por ejemplo esta rima. Estoy seguro que entre ustedes, también los que no sepan esperanto sabrán identificarla únicamente por la cadencia de los versos:

Venos re la hirundoj obskur-plumaj
fari nestojn ĉe vi, ĉe la balkon',
kaj denove flugile sur la vitron
frapetos kun petol'.

Tamen tiuj vidintaj lantafluge
min feliĉa kaj vin en belo-glor'
kaj lernintaj parkere niajn nomojn,
por ĉiam iris for!

Venos re lonicero grimpe rampe
kovri muron ĝardenan per feston',
kaj denove pli belos ĝiaj floroj
en lasta taga hor'.

Tamen tiuj trempitaj en malseko,
kies gutojn el freŝa, trema ros
ni rigardis defali larmoforme,
por ĉiam iris for!

Venos re al orelo via flustri
susuretoj de arde ama ton';
eble, el la profunda dormo sia
vekiĝos via kor'.

Tamen mute, fervore, surgenue,
kiel antaŭ altaro, en ador',
kiel mi vin amegis, nu, tiele
vin amos nul person'!

Gracias pues, al esperanto, esta voz becqueriana va a llegar a todos los rincones del mundo: no sólo a las naciones prósperas y a manos de eruditos y de profesores, sino a países pequeños, a gente sencilla que acaso sólo conoce su propia lengua y el esperanto y que, de otra manera, jamás podría vivir la hermosa experiencia de sentir con Bécquer.

Y ésta es una de las paradojas del esperanto pues, al internacionalizar la cultura, fomenta así la difusión de las manifestaciones culturales nacionales, sacándolas de su círculo doméstico. Esta extraordinaria cualidad, que no han visto ni ven muchos profesores encastillados en la vanidad de su poliglotismo (poliglotismo que, en verdad, se reduce muchas veces a un trabajoso balbuceo del inglés y del alemán) lo ve el realismo de algunos políticos, y así tenemos, por ejemplo, que la China popular produce espléndidos libros y revistas en esperanto y transmite por radio frecuentes programas en la lengua internacional sabiendo que, aunque

todo ello llega a menor número de personas, abarca a un número mucho mayor de países.

Y ya pronto voy a terminar. Quedan flotando en el aire muchas e importantes cuestiones, en especial las que se refieren al porvenir del esperanto y a su eventual aceptación como la lengua puente de un mundo unido. Formularlas y contestarlas todas nos llevaría mucho más tiempo del que, en obsequio a ustedes, nos hemos impuesto.

Pero sí quiero referirme a punto de gran importancia. Es en la postura de los gobiernos donde el esperanto encuentra las mayores dificultades. Las grandes potencias están lanzadas a una lucha hegemónica en la que sus lenguas desempeñan un papel importante en la estrategia general. El inglés y el ruso toman posiciones de liderazgo en sus respectivas zonas de influencia, mientras que el francés no se resigna a seguir perdiendo la situación de privilegio que disfrutó en las primeras décadas del siglo.

En estas circunstancias, las rectorías oficiales de las principales potencias del mundo ven en el esperanto a un competidor poco grato y aunque no se oponen directamente a su difusión, e incluso lo aprovechan esporádicamente para difundir su turismo y su política, lo ignoran y hacen caso omiso de su existencia, por ser un fenómeno extraño a su filosofía de predominio nacional en todos los frentes. Existe un hecho revelador. El 6 de octube de 1966, una petición firmada por más de un millón de personas y por 3843 organizaciones de todo el mundo que representaban a 71 millones de afiliados, fue presentada a las Naciones Unidas para que este organismo considerara seriamente el problema del babelismo y de las discriminaciones lingüísticas, y para que tratara de las posibilidades de implantar el esperanto como medio de resolver la situación. Pues bien. La secretaría de las Naciones Unidas tomó los gruesos y numerosos volúmenes que llevaban las firmas de los peticionarios, los archivó, y archivados siguen sin que se les haga el menor caso. Y eso que entre los peticionarios figuraban jefes de Estado, ministros, diputados, senadores, y toda una galaxia de intelectuales y científicos. La moraleja salta a la vista. Las Naciones Unidas están dominadas por los intereses nacionales de tres o cuatro potencias y no pueden aceptar el esperanto porque con ello asestarían un golpe al predominio de las lenguas de hegemonía. Así pues, al darle el carpetazo a la petición, los grandes de la política mundial obraban de acuerdo con su filosofía del poder y con sus esfuerzos por servirse de sus idiomas como instrumentos de colonización cultural, que es todavía más peligrosa y disolvente que la penetración económica.

De rechazo, este forcejeo que se desarrolla en el frente lingüístico entre el inglés, el ruso, el chino, y en parte el español y el alemán, es garantía de que ninguno de ellos será aceptado *de jure* por los demás. Así lo vemos en las organizaciones internacionales. A pesar del terrible dispendio en tiempo y en dinero, a pesar de los errores, gravísimos a veces, que surgen cada vez que se interpreta y se traduce una lengua a cinco o seis diferentes, el prestigio y el orgullo nacionales exige la coexistencia, con carácter oficial, de media docena de esos idiomas. Este disparatado estado de cosas ha de conducir, por fuerza, a una situación de compromiso, cuando las potencias se convenzan, como se están convenciendo ya en otros campos de la confrontación internacional, que las aspiraciones hegemónicas desembocan en el caos. Y este compromiso, en el campo de las lenguas, tiene un nombre y se llama esperanto.

Los esperantistas tenemos buenas y poderosas razones para creer, no por el espejismo de nuestros buenos deseos ni por la bola de cristal de los adivinos, sino por las computadoras de los futurólogos, que estamos jugando a una carta segura. ¿Cuándo nos llevaremos la banca? No lo sabemos. Pero sí sabemos que la aceleración de la dinámica histórica comprime en lustros lo que antes se desarrollaba en siglos; por eso es posible que ya los nietos de nuestros hijos tengan que aprender en los colegios, al mismo tiempo que los demás niños de la tierra, dos lenguas: la propia y el esperanto.

Mientras, fieles a la labor de adelantados que nos corresponde, tratamos de ensanchar y robustecer las bases de la lengua internacional con obras que, como esta traducción de las rimas de Bécquer, llevan trozos frescos de la belleza y del sentimiento de España a hombres y mujeres de todos los continentes. Y si esto es locura, bendita y alabada sea.

ELDONA FAKO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
ZARAGOZA

RESUMEN DE CUENTAS DE LA ELDONA FAKO DE H.E.F. - 1972

| | *Pesetas* | *Pesetas* |
|---|---|---|
| Saldo a favor en 31 de diciembre de 1971 ... ... ... ... | 8.278,— | |
| Ingresado por venta material ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.991,— | 19.269,— |
| Gastado en material según nota presentada ... ... ... | 28.412,— | |
| Correo y transportes ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 483,— | 28.895,— |

RESUMEN:

| | | |
|---|---|---|
| Gastado ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 28.895,— | pesetas |
| Ingresado ... ... ... ... ... ... ... ... | 19.269,— | " |
| Capital a amortizar ... ... ... ... | 9.626,— | " |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1972.
*Inés Gastón*

---

ELDONA FAKO DE H.E.F.

Je la dispono de niaj membroj kaj amikoj ni havas jenan liston de Esperantaĵoj:

Mendu ilin tuj:

| | *Pesetoj* |
|---|---|
| Esperantaj flagetoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— |
| Esperantaj flagetoj por bicikloj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— |
| Esperantaj insignoj (rondaj kaj stelformaj, pinglaj kaj butonaj) ... | 20,— |
| Esperantaj insignoj (Airon-fix) rondaj, ovalaj kaj stelformaj ... ... | 10,— |
| Bulkrajonoj de la 53.ª U. K. de Esperanto en Madrid ... ... ... ... | 10,— |
| Poŝtkartoj kun alegorio, deko ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— |
| Poŝtkartoj kun himno "La Espero", deko ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— |
| Poŝtkartoj "Nia Sinjorino de la Espero", unuo ... ... ... ... ... ... ... | 3,— |
| Poŝtkartoj kun tabulo "Patro Nia", unuo ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— |
| Bildetoj, "Nia Sinjorino de la Espero", unuo ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— |
| Dok. CED/7 "Bazaj faktoj..." de Dro. Lapenna (hispanlingve: "Hechos fundamentales...") ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 7,— |
| Faldfolioj ses-lingvaj por universitatanoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— |
| Faldfolioj ses-lingvaj por ĝenerala informado ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— |

*Libroj:*

| | |
|---|---|
| ETERNECO (Navarra Legendo), de A. Núñez Dubús ... ... ... ... ... | 10,— |
| FILOZOFIO DE FANTOMO, W. F. Florez, trad. L. Hernández ... ... | 30,— |
| LA LANDO DE ALVARGONZALEZ, A. Machado, trad. F. de Diego . | 50,— |
| KUN SOPIRA KORO, G. A. Bécquer —Rimas—, trad. F. de Diego . | 120,— |

Boletín normal: 15 ptoj. — Boletín extraordinario: 25 ptoj.

En la libroj de ni eldonitaj, ni donas rabaton 10 % por mendoj de minimume kvin (5) ekzempleroj de sama titolo.

Mendoj kaj pagoj ĉe: Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

# ESPERANTISTA VIVO

## PRELEGO DE NIA PREZIDANTO, S-RO FIGUEROLA, EN LA LABORA UNIVERSITATO DE ALCALA DE HENARES

La 23-an de januaro okazis en la Labora Universitato de Alcalá de Henares inica prelego pri Esperanto, en hispana lingvo; unue, la preleganto traktis pri la ĝenerala akcepto de Esperanto; due, pri nia Majstro D-ro Zamenhof kaj trie pri la estinteco, estanteco kaj estonteco de la lingvo Esperanto.

La prelego daŭris unu horon kaj duonon kaj je la fino, oni longe aplaŭdis la preleganton.

Laste, la Direktoro de la Universitato kaj la lernantaro gratulis nin pro la prelego kaj nia ĉeesto.

*R. Ibáñez*

---

## NOVA ESPERANTISTA GRUPO EN ASTURIAS

Kiel anoncite, la pasintan, 10-an de oktobro komenciĝis kurso de Esperanto en UJO, apud Mieres. La kurso bone sukcesis kaj la 1-an de marto ĉijara oni fondis en la "Tele - Club - Piloto" de UJO, Esperanto-Grupon.

La estraro elektita por gvidi la novan Grupon, konsistas el jenaj personoj:

| | |
|---|---|
| Prezidanto. | Jesús Fidalgo |
| Vicprezidanto. | Cándido Cornejo |
| Sekretario. | Juan Carlos Franco |
| Kasisto. | José Luis San Miguel |
| Membroj. | Rosario Estévez |
| | Consuelo González |
| | Bienvenido Martínez |
| | Aquilino Coro Giraldo |

Ni gratulas la esperantistojn de UJO pro ilia decido kaj deziras al ili grandajn sukcesojn en ilia por Esperanto laboro.

*Red.*



S-ro Cienfuegos, gvidanto de la kurso de Esperanto en la Teleklubo de UJO, klarigas frazon skribitan de unu el la lernantinoj sur la nigra tabulo.

## PRELEGO PRI ESPERANTO EN ALAYOR (Menorca)

La 27-an de februaro, nia prestiĝa samideano S-ro Antonio Tuduri prelegis pri Esperanto en Lernejo La Salle de Alayor (Menorca). Granda scivolemo ekzistis por aŭskulti la disertacion de nia samideano, kies laboro favore al Esperanto bone fruktiĝas en la baleara insulo.

Unue, la Prezidanto de la Asocio La Salle, S-ro José M.ª Giménez prezentis la prelegonton kaj rimarkigis la gravecon de la pritraktota temo, pro la granda avantaĵo, kiun signifas la internacia lingvo.

S-ro Tuduri, per sia karakteriza parolflueco, komencis sian disertacion skize prezentante la historion kaj evoluon de Esperanto, de kiam en la jaro 1887-a, D-ro Zamenhof prezentis ĝin al la homa konsidero, kaj ĝian enkondukon en la insulo.

Tuj sekve, li parolis pri la lingvaj problemoj, kiuj absurde dividas la homojn de antaŭ jarcentoj. Sen facila komunikado ne eblas kunvivado, —li diris— kaj daŭrigis: Se ĉiuj homoj sentas similajn impresojn antaŭ belartaĵo, estas nelogika la fakto ke lingva baro el 3.000 lingvoj dividas ilin. Parolante pri internacia lingvo por ĉiuj, li klarigis, ke tiu lingvo devas esti la dua por ĉiu homo, tial ke ĉiuj devas konservi sian propran lingvon kaj plue lerni la internacian por internaciaj rilatoj.

Por la fino, li parolis pri la praktika kaj reala valoro de Esperanto kaj pruvis siajn asertojn prezentante la vastan bibliografion, kiu ekzistas en Esperanto, same originale kiel tradukita de plej elstaraj verkistoj. Li parolis pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto, pri la Esperanto-movado, pri U.E.A. —kies Delegito li estas en la insulo— kaj pri la diversaj servoj de la Universala Asocio.

La prelego de S-ro Tuduri estis vera leciono koncize sed konvinke prezentita, kiu transformis la scivolemon ekzistantan en grandan intereson pri Esperanto.

La multnombra publiko premiis, per varma aplaŭdado, la brilan disertacion de S-ro Tuduri, kiu post la fino devis respondi kaj klarigi plurajn demandojn rilatantajn kun la temo de la prelego, kiujn la ĉeestantoj, ĉefe gejunuloj, faris al li.

La ĵurnaloj favore raportis pri tiu interesa, kultura aranĝo.

*Ĉeestanto*

---

## CENTRO DE ESPERANTO SABADELL

### ĜENERALA KAJ EKSTERORDINARA KUNVENOJ 1973

Komenciĝis la Ĝenerala Kunveno sub la prezido de S-ro Llibert Puig, Prezidanto de C.E.S. La ĉeestantaro estis malmultnombra.

Post legado kaj aprobo de la antaŭa protokolo, la subskribinto parole analizis la realigitan kaj ne realigitan laboron dum la jaro 1972.ª, el kiu menciindaj estas la jenaj taskoj:

Sukceso de nia Societa Festo. Oficialigo de nia Kurso per Korespondado. Nia Centro efike kunlaboris en la organizado de la 14.ª Barcelona-Provinco Esperantista Renkontiĝo. Kelkaj membroj de nia Centro ĉeestis la Hispanan Kongreson de Esperanto kaj aliajn internaciajn Esperanto-eventojn. Denove nia Societo prenis parton en la loka "Foiro de la Libro". La Sekcio R.E.L.A. atingis novan sukceson, kun 15.500 ptoj. Digne nia Centro celebris la Feston Zamenhof kaj de la Libro en Esperanto. En la anteno de "EAJ-20 Radio Sabadell" dum la tuta jaro troviĝis nia programo "Esperanto la Lengua Internacional". Malgraŭ nia granda elspezo, malmultajn aliĝintojn ni havis por nia parola kurso. Pro renovigo, la kurso per korespondado ne havis la adekvatan diskonigon. La laboro de nia kunestrarano S-ro Ribes inter la junularo. Plibonigoj de nia organo "Sabadell Esperantista". Denove la faceto nomata —praktikado de Esperanto— ne estis kontentiga.

Laŭ la prezentita ekonomia situacio oni konstatis ke ne estis deficito. Por la nuna jaro la buĝeton oni kalkulis, proksimume, je 45.000 ptoj. La enspezojn oni antaŭvidas je la sama kvanto.

El la programo por la nuna jaro ankaŭ estas menciindaj la jenaj decidoj. Preni parton en ĉiuj aranĝoj favoraj por diskonigo de Esperanto. Pligrandigi la propagandon de la parola kaj perkoresponda kursoj. Membrigi la Centron al H.E.F. laŭ la nova sistemo "Dumviva membro". Oni prezentis novajn projektojn por la akiro de propra sekretariejo.

Fine, sekvis la Eksterordinara Kunveno, kun la nura punkto en la tagordo. Renovigo parta de la estraro, kiu formiĝis jene:

| | |
|---|---|
| Prezidanto. | Sro. Llibert Puig Gandía |
| Vicprezidanto. | Sro. Santiago Torné Grau |
| Sekretario. | Sro. Luis Serrano Pérez |
| Vicsekretario. | Sino. Montserrat Parera de Ribes |
| Kasisto. | Sro. Martín Armengol Llobet |
| Kontisto. | Sro. Jaume Armengol Doménech |
| Voĉdonantoj. | Fino. Magda Clerch Regull |
| | Sro. Sebastián Ribes Garolera |
| | Sro. Joan Ramoneda Canet |
| | Sro. Arturo Armengol Furriols |

Sabadell la 28-an de januaro 1973.

*Luis Serrano Pérez*

Sekretario

---



## SOCIETA FESTO 1973 DE LA CENTRO DE ESPERANTO SABADELL

Kiel kutime nia Centro ankaŭ ĉijare, la 3-an de marto organizis la Societan Feston, kiun ni ĉiam koincidigas kun la karnavala sabato; motive de tio, oni aranĝas krom aliajn distraĵojn, konkurson de maskoj kaj karnavalaj kostumoj, kio donas specialan intereson al la festo. Ĝin ĉeestis multnombraj membroj kaj simpatiantoj de la Centro, kiuj bone amuziĝis ĝis la unuaj horoj de la sekvanta tago.

Sur la foto, ricevas la premion unu el la venkintoj en la konkurso.

## HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO

**Sekcio de H. E. F.**

### RAPORTO PRI LA AGADO DE HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO DUM 1972

Unu plian fojon ni alvenis al la momento raporti pri la agado de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio. La vivo de la sekcio dum 1972 disvolviĝis laŭ la plano programita en la pasinta Ĝenerala Kunveno.

Ankaŭ ĉijare la elspezoj buĝetitaj estis kovritaj de la enspezoj. Do, mi ripetas: nia laboro bone povas daŭri en sama nivelo kaj laŭ sama ritmo kiel en antaŭaj jaroj.

Dum la jaro ni organizis kaj efektivigis ekskurson al Pau (Francujo) por partopreni en la IV.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazinta en tiu bela urbo. Ni organizis kaj efektivigis ankaŭ turisman ekskurson tra diversaj hispanaj kaj portugalaj urboj, okaze de la 32.ª Hispana Kongreso de Esperanto en Vigo, kiun ni ankaŭ partoprenis. Pri la realigo de tiuj ekskursoj vi jam estis informitaj pere de la raportoj en BOLETIN; ili estis vere sukcesaj, kio kuraĝigas nin daŭri en nia laboro. Diversaj personoj de urboj, en kiuj ni haltis, sur nia revenavojo al Zaragoza, skribis al ni por peti informojn pri Esperanto.

Ni devis rezigni la efektivigon de la organizata komuna flugvojaĝo al Portland (Usono), okaze de la 57.ª Universala Kongreso de Esperanto; la nombro da partoprenontoj hispanaj en la kongreso estis tro malgranda por ĝin realigi.

Por la organizado de ekskursoj, ni daŭrigas nian kunlaboron kun la Delegacio en Zaragoza de firmo MELIA.

Ankaŭ nia laboro rilate al informado pri vojaĝplanoj kaj feriaj lokoj en Hispanujo, same kiel al akcepto de eksterlandaj samideanoj estis tre intensa. Ni akceptis esperantistojn el Francujo, Nederlando, Argentinio, Britujo, Danlando, Hungarujo, Germanujo, Usono, Belgujo kaj Japanujo.

En la ĵurnaloj de Zaragoza aperis informoj pri nia esperantista laboro.

Rilate la ceterajn funkciojn de la Sekcio programitajn, ni esperas ke dum la venonta jaro, ili estos realaĵo.

Zaragoza la 31-an de decembro 1972.
La Sekretariino,
*M.ª Pilar Sancho Rebullida*

### ĜENERALA KUNSIDO DE H.T.E.S.

La 24-an de februaro okazis la Ĝenerala Kunsido de H.T.E.S. sub prezido de F-ino Gastón; post legado kaj aprobo de la raporto prezentita de la Sekretariino, oni ankaŭ aprobis la kontojn kaj ĉiujn decidojn de la estraro dum la pasinta jaro.

Unuanime ĉiuj estraranoj estis reelektitaj.

Tuj sekve oni pritaktis la aranĝojn organizatajn kaj organizotajn dum la kuranta jaro, pri kiuj siatempe ni informos en BOLETIN.

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio invitas ĉiujn esperantistojn enlandajn kaj eksterlandajn por ke ili partoprenu en la V.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazonta en Bilbao dum la 29.ª kaj 30.ª de junio kaj 1.ª de julio ĉijara.

Zaragoza la 24-an de februaro 1973.

### NOVA KURSO DE ESPERANTO

Post taŭga informado kaj organizitan de Hispana Turisma Esperanta Sekcio, la 5-an de marto, oni komencis kurson de Esperanto en "Centro Cultural Medina" de Zaragoza; la kurson anoncis la kvin lokaj ĵurnaloj kaj la kvar radiostacioj.

La komenco de la kurso estis ja sukcesa, multe kontribuis al tiu sukceso la kompetenteco de nia elstara samideano Fernando de Diego, kiu gvidas la kurson, kaj la prestiĝo de "Centro Cultural Medina". Multe ni esperas de tiuj kursoj, kies lernantaro konsistas plejparte el gejunuloj.

Rimarkeblas, ke, pli ol iam antaŭe, montriĝas en nia gazetaro kreskanta intereso trakti pri procedoj kaj laborplanoj aplikeblaj por la antaŭenigo de Esperanto. Principe, ĉi tiu zorgo ŝajnas sana kaj salutinda, ĉar ĝi rivelas, ke almenaŭ kelkaj konscias pri nia danĝera stagnado kaj havas ankoraŭ energion por iel provi nin eltiri el pereigaj apatio kaj rutino, kiuj karakterizas ĉie la Esperantan movadon.

Preskaŭ ĉiuj planoj estas teorie perfektaj, sed ili postulas de ni sindediĉon, persistemon kaj entuziasmon. Tiuj kvalitoj troveblas en tiel sensignifa procento de la esperantistaro, ke bone planita agado nepre fiaskas pro manko de sufiĉaj personoj kapablaj doni konkretan formon al la projektitaj kampanjoj. Apostoloj ne abundas, do la planoj ambiciaj, por kies efektivigo nepras apostola fervoro, baldaŭ forvaporiĝas senrezulte, postlasante amaran senton de frustacio. Ĉu ni memoru ĉi-rilate la fanfaran naskiĝon de IOE kaj ties sengloran morton?

Kredi, ke en nia Movado ekzistas *pogrande* sindediĉo kaj entuziasmo estas nura iluzio, kaj per iluzioj oni povas ŝpini nur eterajn revojn.

Kion fari do, se en nia Movado ne ekzistas sindediĉo, persistemo kaj entuziasmo *en sufiĉa kvanto* por entrepreni metodan kaj seriozan laboron? Ŝajnas al mi, ke la plej urĝa tasko konsistas en tio, veki unue la *intereson por Esperanto* inter la esperantistoj mem!

La indiferento ĉe ni estas ĝenerala. Tion aludas William Auld en THE BRITISH ESPERANTIST de la pasinta januaro:

...*Tiun demandon aktualigas miaj spertoj dum pli ol unujara redaktado de BE. Dum tiu periodo tre, tre malmultaj legantoj reagis per leteroj al la redakcio; ĉiumonate mi kompilas kajeron laŭ la haveblaj manuskriptoj, kaj mi neniam scias, ĉu ili plaĉas aŭ ne plaĉas al la legantoj. Mi faris kelkajn eksperimentojn. Mi enkondukis rubrikon de esperanta literaturo; klaĉrubrikon; la aventuroj de prof. I. Lakto; ekzercojn de Marjorie Boulton; felietonan represon de klasika verko, k. a. Neniu leganto skribis al mi por esprimi opinion pri tiuj eksperimentoj. Ĉu kulpas apatio? Bojkotemo? Troa okupateco? Ĉu la legantoj simple lasis fali la manojn?*

Mi opinias, ke la ĝusta respondo estas: manko de intereso. Se ni havus *nur intereson,* ni ne bezonus ellaboritajn planojn por fari mirindaĵojn. Se *ni ĉiuj* havus intereson, ni certe povus esperantistigi en du tri jaroj almenaŭ unu el niaj konatoj, kaj tiel en tre malmultaj jaroj, laŭ progresia konstanto, la nombro de esperantistoj dekobliĝus en la mondo kaj, per ili, kreskus la forto kaj la ŝancoj de nia lingvo.

Se tiun simplan laboron personan ni ne kapablas fari, ĉar, ĝenerale, ni, esperantistoj, ne havas intereson por Esperanto, peti la helpon de aliaj pli raraj kvalitoj egalas al perdo de tempo.

Esperanto havas malamikojn kaj rivalojn, kaj, kvankam la historia proceso favoras la aferon de internacia lingvo, ni devas klopodi, por ke Esperanto estu siatempe la venka kandidato. Ne necesas, ke ni estu iaj superhomoj kun kvalitoj elitaj. Ni bezonas nur la simplan intereson de *ĉiu unuopa* esperantisto por Esperanto. Ni bezonas, ke la jenaj versoj de Baghy vivu nur kiel historia dokumento pri iamaj esperantistoj, ne kiel vera reflekto de la esperantistaro nuna:

Verda stelo sur la brusto
iom palas pro la rusto.
Mi ne estas purigisto;
estas mi esperantisto.

Kuŝas ie sub tegmento
"Netuŝebla Fundamento".
Tuŝu ĝin nur la Mefisto;
estas mi esperantisto.

Polv-kovrite sur bretaro
putras mia SAT-vortaro.
Tedas min la vorto-listo;
estas mi esperantisto.

Gramatikon mi ne konas
kaj gazeton ne abonas...
Librojn legu la verkisto;
estas mi esperantisto.

Mi parolas kun rapido:
"Bonan tagon! Ĝis revido!"
Ĝi sufiĉas por ekzisto;
estas mi esperantisto.

Pionirojn mi kritikas,
la gvidantojn dorne pikas
kaj konspiras kun persisto;
estas mi esperantisto.

Por la venko mi esperas,
sed neniom mi oferas.
Mi ne estas ja bankisto;
estas mi esperantisto.

Se baraktas en la krizo
la movado, organizo.
helpas mi nur per rezisto;
estas mi esperantisto.

Flugas per facila vento
el la buŝo Nova Sento.
Ĝi sufiĉas por sofisto;
estas mi esperantisto.

Post la mort' ĉe tombo mia
staros 'rondo familia',
nekrologos ĵurnalisto:
estis li esperantisto.

En LA ESPERO, 1973-1, en JES, SED, 1973-1, en ESPERANTO EN SKOTLANDO, vintro 1973, n.° 89, en SONORILO, n.° 4, novembro-decembro 1972, en DIA REGNO, n.° 1-2, januaro-februaro 1973, en HEROLDO DE ESPERANTO, n.° 3, 16 februaro 1973, en FRANCA ESPERANTISTO, n.° 275, januaro 1973, oni skizas projektojn, studas laborplanojn, lanĉas ideojn, prezentas sugestojn, por ke la Movado povu resaniĝi de sia anemio. Sed projekton por ke ni, esperantistoj, interesiĝu pri Esperanto, kio estas nepra premiso de postaj eventualaj agadoj, mi trovis nenie.

Ĝis la proksima revu-rikolto, kun amikaj salutoj,

*F. de Diego*

---

## *Ni legis por vi...*

KUN SOPIRA KORO, poemaro de Gustavo Adolfo Bécquer. Traduko de Fernando de Diego. Eldono de la Hispana Esperanto Federacio. 96 paĝoj. 11,5 × 18 cm. Prezo: 120 ptoj.

La elstara poeto Julio Baghy havis la inspiron doni plej grandan dimension al ĉiu 15-a de decembro, la Zamenhofa-tago, per sia alvoko, ke ĝi estu ankaŭ "Tago de la Esperanta libro", do tago de kulturo, ĉar en la nuntempo la kulturo ne povas progresi sen vigla eldonado.

Ni bone scias, ke UNESKO decidis, ke la pasinta 1972-a estu signata kiel "Internacia Libro-Jaro". Ni, esperantistoj, fieras pro la fakto, ke antaŭ multe da tempo ni starigis la saman programon kulturan, kiu karakterizis la pasintan jaron. Ni bone scias ankaŭ, ke la Esperanto-movado ĉiam efike aliĝis al la diversaj Unesko-projektoj.

Nia kara prezidanto de H.E.F., Angel Figuerola, ĉe la devo kaj la ebleco de la hispana movado inde kontribui al tiel nobla celo, faris alvokon al la esperantistoj verkistoj de Hispanujo, ke ili laboru traduke kaj prezentu siajn verkojn al la Federacio, por ke ĝi povu elekti kaj eldoni la plej konvenan kaj gravan el ili, okaze de la Libro-jaro.

Nun ni jubilas, ĉar la deziron de la prezidanto oni pozitive aŭskultis. Jen: unu juvelo de la romantika poezio hispana mirinde rebrilas per novaj facetoj en la lingvo internacia, tiel plenumante la rekomendon de la Eduka, Scienca kaj Kultura Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj... Tamen, kio nun estas fakto, tio ŝajnus ankoraŭ revo, se ni ne vidus sur nia tablo la bele presitan libron KUN SOPIRA KORO.

Jes. La liro de Gustavo Adolfo Bécquer nun vibras per aliaj fidelaj eĥoj, kaj ili pli bone aŭdeblas kaj kompreneblas pere de Esperanto tie, kie la hispanan oni ne parolas. La postromantika poeto susuras intime, pasie, tenere, angore, ame, reve, solece, triste, senespere, en la sama lirika gamo, ĉiam verva, de la originalo kastililingva.

La libro de Bécquer fariĝis baldaŭ nevelke populara kaj atingis solidon de klasika valoro pro sia kor-trafa mesaĝo. Per sia jam antaŭe pruvita kapablo, Fernando de Diego, elstara traduka talento, kuraĝe alfrontis la taskon esperantigi la fajnajn versojn de Bécquer. Freŝas ankoraŭ la lastaj sukcesoj de De Diego, sed la entrepreno traduki tiel perfekte ellaboritan poezion sentimentalan prezentis veran riskon. Tre belas fluganta papilio, sed, plukante ĝin, oni ne povas eviti difekti ties delikatajn flugilojn kaj forfroti de ili iom da ilia subtila kolora polvo.

Tamen, legante, kaj plie, leginte la tradukon, ni plene kaj evidente konstatas, ke la miraklo okazis. Kiam Bécquer verkis siajn belajn poemojn, la romantikismo, atinginte sian apogeon, jam falis en la fundon de eksmodiĝo. Gustavo Adolfo esprimis sin genie per kernaj ideoj: simplaj, memstaraj, nudaj, elvokivaj. Li, do, kapablis transcendi modon kaj skolojn. Malgraŭ tio, ne mankis kritikistoj, kiu volis senprestiĝigi lian verkon per pedantaj argumentoj. Ankaŭ al Espronceda kaj aliaj okazis la samo. Mi legis, antaŭ multaj jaroj, eseeton de la akademiano Eugenio D'Ors (iama kreinto aŭ iniciatinto de la kataluna estetika skolo "naŭcentismo"), kies titolo tekstis: "Bécquer, poetaĉo". Sed, malgraŭ tiel ridindaj opinioj, la andaluza poeto propramerite gajnis al si plej honoran lokon en la hispana parnaso.

La versoj de Bécquer evitis la bombaston de la romantikismo hispana kaj konsistas ordinare el poemetoj kun ĝisesence koncentritaj strofoj. La ritmo kaj la muzika rimo asonanca ravas, same kiel la esprimivo de la profunde kortuŝaj sentoj de la poeto. Fernando de Diego, konsciante, ke oni devas ne preteri tiel subtilajn sed gravajn karakterizojn, se oni volas fideli al la parfumo kaj freŝo de la originalo, plenumis laboron skrupule konsciencan. Facile estas konstati, kiel la tradukinto sukcesis. Li rigore respektis la ritmojn kaj la tre karakterizajn rimojn: asonancajn pliparte kaj konsonancajn, virajn kaj virinajn. Kaj li brile pruvis, ke la Esperanta poezio povas plenefike uzi la asonancon kaj pliriĉigi sin per ĝi.

Kompreneble, ne nur pri la diritaj aspektoj, iom akcesoraj (sed tamen gravaj) oni devas laŭdi la laboron de nia samideano. Li celis kapti ĝismaksimume ĉiun poezian bildon kaj nuancon, flankŝovis aŭ preteris nenion, ĵonglis per la sintakso kaj la leksikono, kaj la miraklo fariĝis. Koncerne la teĥnikon tradukan, mi permesas al mi citi kelkajn vortojn de s-ano Gumá, kiu tiel frande legas ĉion skribitan de la tradukinto: "Mi opinias, ke De Diego estas virtuozo speciala, ununura en Hispanujo. Li renversas la versojn, reverkas, ŝanĝas la vortojn, kaj la senco restas. Li evitas apostrofojn, lia sintakso estas klara, lia stilo tre flua". Kaj mi aldonas: "Kiel alia Kalocsay!" Ŝajnas al mi, ke oni povas laŭdi alie lian tradukan laboron, dirante: "lia versio videbligas lian personan stilon. Li do interpretis fidelege laŭ sia ora ŝablono la esprimomanieron de Bécquer".

La Eldona Fako de H.E.F. prezentas la verkon en sobre eleganta aranĝo. José Ignacio Ciordia verkis antaŭparole biografian skizon de Bécquer kun kelkaj konsideroj pri la influo de la poeto ĉe la nuntempaj lirikistoj. Ni devas tutkore gratuli kaj danki ĉiun. La akirantoj de la cent-paĝa libro legos ĝin centfoje kun kreskanta plaĉo, ĉiam trovante ian genian nuancon antaŭe ne priatentitan.

KUN SOPIRA KORO estu nepra akiraĵo de ĉiu esperantisto!

*G. Mora i Arana*

## 58.ª Universala Kongreso de Esperanto kaj Oficiala Postkongreso

Beogrado 28. 7 ĝis 4. 8. 1973 — Ateno, 5-12. 8. 1973

Vojaĝo organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes Meliá" en Zaragoza.

28-7-73. *Barcelono*

Forveturo en aviadilo (turista klaso) al Beogrado (per Romo). Transporto en aŭtoĉaro de la flughaveno ĝis la hotelo. Vespermanĝo kaj loĝado en la hotelo.

29-7-73 ĝis 3-8-73. *Beogrado*

Duonpensiono en la hotelo. Tagoj liberaj por ĉeesto al la Kongresaj solenaĵoj.

4-8-73. *Beogrado*

Matenmanĝoj en la hotelo. Transporto en aŭtoĉaro de la hotelo ĝis la flughaveno. Forveturo en aviadilo (turista klaso) al Ateno. Alveno al Ateno. Transporto en aŭtoĉaro de la flughaveno ĝis la hotelo. Vespermanĝo kaj loĝo en la hotelo.

5-8-73 ĝis 11-8-73. *Ateno*

Duonpensiono en la hotelo. Liberaj tagoj por ĉeesto al la solenaĵoj de la Postkongreso.

12-8-73. *Ateno*

Matenmanĝo en la hotelo. Transporto en aŭtoĉaro de la hotelo ĝis la flughaveno. Forveturo en aviadilo (turista klaso) al Barcelono (per Romo). Alveno al Barcelono.

Prezo de la vojaĝo po persono: en dulita ĉambro kun banĉambro: 25.795 pesetoj.

Por tiuj, kiuj deziras partopreni nur la Kongreson en Beogrado kaj reveni al Barcelono la kvaran de aŭgusto, la prezo po persono estas: en dulita ĉambro kun banĉambro: 17.930 pesetoj.

Informoj kaj aliĝoj; en Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza - Hispanujo.

## ATENTU

Pro lastmomentaj ŝanĝoj la forveturo de Barcelono okazos la 27-an de julio kaj la reveno de Ateno, la 13-an de aŭgusto.

Informoj ĉe H.T.E.S.

## *58ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

Okazonta en Beograd (Jugoslavio) de la 28.7 ĝis la 4.8.1973

Sub la Alta Protektado de la Prezidanto de SFR. Jugoslavio, Josip Broz Tito

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera Pedrals, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona), kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

Statistiko (31.1.1973)

Aliĝis entute 695 personoj el 34 landoj. (27 hispanoj).

Konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 3002, Nederlando.

TIP. C. BOLOM.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. -375 - 63